


# LA VERDA LUPEO



**1(80) INFORMILO DE ELF-AREK** 22a jaro * 1990 *

## ĈINAJ STAMPOJ



27

nepoŝta!



28


29



30



31



32



33



34



35



36



37


38



39



40



41



42


43



44



45


46


47



48


49


50


51

Informilo de ELF/AREK
Esperanto-Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

Prezidanto-Kasisto: I.Paulsson, Skytteholmvägen 29
S-171 44 Solna
Stampobanko: W.Heimlich, Fröbelstr. 4, D-3040 Soltau
Kotizo 1990: 60 SEK (10 USD aŭ 20 irk.)
Redakcio ĉe: R. Burmeister, W.-Firl-Str. 30
Karl-Marx-Stadt, DDR-9047

## NIA ADRESARO • NIA ADRESARO

-Cornelius McKnowm (lokigu sub M)

-Hilgon Frisk (Ne Helgon=Sanktulo, tia li ne estas!)

-Morel, Yvette, Rue du Centre 162, B-5111 Bonneville

NOVAJ:

-Cao Xionlin, Ruzilo 25 hao, Nanchang, Jiangxi

-prof. d-ro so gilsu, seulo, ROK 158 600, yangchon, p.o.box 11, korea respubliko

## MORTIS • MORTIS

Forlasis nin nia Jan Kuijpers la 7an de decembro 1989 en aĝo de 82 jaroj. Lia idealo estis la disvastigo de Esperanto kaj lia hobio la Esperanta-filatelio. Ni direktas nian sinceran kondolencon al sinjorino M. Kuijpers-Romijn.

Nia Kurt Lindström ne plu estas.

25an de februaro 1990 nia kluba amiko Kurt Lindström fermis siajn okulojn por ĉiam. Li estis unu el la animoj de nia klubo, ĉiam helpis senbrue al nia klubo kaj al niaj geamikoj. Li ĝis en sia lasta tago, eĉ lasta horo, aktivis por ni. Nia Ivar Paulsson estis ĉe li en lia lasta vivohoro kaj ankaŭ adiaŭis lin ĉe la tombo. Nia Kurt estis jam dum kelkaj jaroj tre malsana, tamen la morto venis tute subite. Ni estas tre dankemaj al nia Kurt kaj li posedas por ĉiam ĉe ni honoran rememoron. Li tre mankos al ni.



# NI PRI NI • NI PRI NI

## Kotizo por 1990

Denove forflugis jaro kaj nun estas urĝa tempo por renovigi vian membrecon en nia klubo per pago de nia kotizo. Sen tiu mono ne eblas presi informilon, aĉeti kovertojn kaj afranki ilin. Por ni tute ne ekzistas "nepagipovaj landoj", ĉar ja eblas pagi per E-stampoj al nia stampo-banko. Do, bonvolu nun sendu ĝin al nia kasisto. La kontoj: Poŝtĝiro 51 57 85-4, Ivar Paulsson, Solna; UEA-Konto: elfx-r).

## Dankon al ĉiuj...

...tiuj klubaj geamikoj, kiuj helpis per alsendo de informoj pri novaj Esperantaĵoj. Bedaŭrinde ofte tiuj informoj estas mankohavaj, ne kompletaj. Bonvole, do pripensu, ke tiuj informoj servu al nia tuta membraro kaj niaj posteuloj, kiuj post nia tempo certe ĝojas, se ili trovas viajn kompletajn informojn.

## Stampobanko

Nia stampobanko daŭre bonege funkcias. En ĝi vi trovas stampojn, pm., aliajn E-Filatelojojn kaj eĉ glumarkojn. Nia stampobanko ne servas al ies profito, sed al nia, do ankaŭ via profito. Eblas ĉiujare, el la profito de la stampobanko subteni iomete nian LVL. Kompreneble la stampobanko de ie devas akiri materialon. Kaj tiun vi devas oferti. Ne tuj sendi!! Antaŭe oferti!! Kutime vi ricevas kontraŭ alsendo de unu nova stampo unu IRK, se la stampo troviĝas sur ĝuste afrankita poŝtaĵo. La stampobankon prizorgas nia kluba amiko Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-3040 Soltau.

## Salutas via redaktoro!

Jen la 80-a numero de nia informilo! Ekde de 1968 ĝi nun aperas. Lastatempe ĝi iomete ŝanĝeliĝis pro manko de mono. Dum jaroj la filino de Paulsson, ŝi ne scipovas Esperanton, presigis nian LVL. Pasintjare tio ne plu eblis al ŝi. Ni serĉis novan presejon kaj tiun ni trovis en la Grafika Centro, Antwerpeno (B). Sed tie ni aperigis nur du n-rojn. Eble ni nun trovis bonan solvon pro ekonomie aperigi ĝin, nian Fenikson, La Verda Lupeo. Mi vizitis en decembro 1989 nian Richard Hirsch kaj li gastigis min du tagojn. Tiam ni priparolis multajn aferojn. Nun en marto 1990 li gastis dum du tagoj ĉe mi kaj ni denove priparolis pri niaj klubaj aferoj. La frukton de tiuj interparoloj hodiaŭ vi tenas en viaj manoj. Nia Hirsch delonge estas nia membro. Li estas ĝenerala sekretario de la Germana Esperanto-Asocio kaj disponas pri oficejo kun tiuj teknikaj aĵoj, kiuj estas necesaj: moderna kopiilo, moderna tajpilo, afrankilo ktp.. Li ne kalkulas la laborhorojn por la retajpado, kompostado, kopiado kaj ekspedado. Li asertis al mi,

ke li nur kalkulos la verajn elspezojn por produkti la LVL. Ni do trovis maksimuman solvon por nia informilo, kiu servas al ni ĉiuj. Mi esperas, ke mi kontentige servas al vi per transdono de utilaj informoj, kiujn sendas niaj klubaj geamikoj al mi.

# EKSPOZICOJ KAJ NI

## Fila-ekspo en Budapest

De 3-9 nov 1989 okazis en Budapest (H) Fila-Ekspo kun la ekspozaĵo de nia Fekete, sub la titolo: "Esperanto kaj Kulturo" kun 60 folioj. Li akiris arĝentan medalon. Krome li unuafoje montris bildkartan ekspozaĵon kun 36 folioj. Tuj li akiris la bronzan rangon. Ni kore gratulas al vi, Stefano!.

## Hirsch ekspozicios

Nia kluba amiko Hirsch ekspozicios fine de aprilo 1990 en Aachen en la rango II kaj meze de junio en la rango I en Linz (A). Lia ekspozaĵo "Esperanto en la Filatelo" ampleksas 72 foliojn.

## E-Fila ekspo 1994 en Seulo (ROK)

so gilsu intencas iniciati E-Filatelan ekspozicion okaze de la UK 1994 en Seulo. Tiucele li urĝe petas ĉiujn niajn geamikojn, kiuj posedas ekspo-maturan ekspozaĵon, proponi sia(j)n eksponaĵo(j)n por tiu ekspo. Mi rekomendis al li, ke li en tiu rilato kontaktu Korean Filatelistan Asocion, por ke ĝi teknike aranĝu la ekspozicion. La ekspozaĵoj posedu bonan reputacion en la koncernaj landoj, ĉar ili estos montrataj al publiko. Bona kvalito: bona varbado por Esperanto.

# KLUBANOJ SURVOJE

## so gilsu ĉe ELF-AREK-anoj

Nia kluba amiko, so gilsu el Koreio, en jan. kaj feb. 90 entreprenis, dum por orienteŭropanaj landoj historie graveda tempo, vojaĝon trans Siberio-Moskvo-BG-YU-H-PL-GDR-F.R.Germ.-NL. Li vizitis multajn niajn klubajn geamikojn en tiuj landoj, estis en iliaj hejmoj, rigardis kolektojn kaj ekspozaĵojn, interŝanĝis ideojn kaj planojn. Sed li ankaŭ lekciis en multaj universitatoj. Laca, sed feliĉa kaj kun perdo de 5 kg de la korpopezo, li venis al GEDR por daŭrigi la vojon al la estrarkunsido de UEA.

# STAMPOJ • STAMPOJ

Zamenhofa AF (AF II-7)

La firmao ANP en Perpignan uzas afrankmaŝinon Postalia NE 21 258, en kies tp troviĝas la adreso kun la stratnomo: rue Docteur Zamenoff. Iom fuŝita nomo, sed vere temas pri nia Ludoviko! Dankon al nia Amouroux, kiu informis pri ĝi. En la nova katalogo 1990 ĝi jam trovis sian lokon.

Amikaro

Nia Amouroux surprizis min per kopio pri stampo kun la dato 26 julio 1979 el Warwick (GB), kies teksto estas: FIRST DAY OF CAMP AMIKARO: Temas ŝajne pri skolta tendaro, aŭ kampadejo? Amouroux skribis pri ĝi ankaŭ en sia filatela rubriko, bedaŭrinde franclingve, do, ne legebla por mi. La stampo eniros la suplementon 1991 sub AP.

Zamenhofa (H 112)

Tre bela portreta poŝta stampo funkciis 1989 12 15 de 12 - 20a h en la poŝtejo Budapest 8 kun la teksto: 130a naskiĝtago de L.L. Zamenhof. Dankon pro la informo al niaj Fekete kaj Radnaj. Des.:Johano Podani.

19a VEF (H 113)

29. XII. 89 en budapeŝta kulturdomo posttagmeze funkciis speciala poŝta giĉeto kun E-a stampilo. Gratulon al la grafikisto pro ĝia plaĉa grafika aranĝo. La stampcirklo imitas neĝbulon. La neĝviro denove ŝanĝis iomete sian aspekton. Precipe la nazo impone grandiĝis. Dankon al niaj Radnai kaj Fekete pro informoj. Des.: Georgo Heidung.

Tago de E-libro (GDR 39)

16. 11. - 15. 12. 89 en poŝtejo Leipzig 1 denove estis havebla stampo okaze de la Tago de la Esperanto-Libro (bildo en LVL 79). La portreto montras Ludwig Renn. Pri li jam kelkfoje mi informis. Iniciatis tiun stampon (ankaŭ la JES-stampon) nia Rolf Beau. Lige kun la stampo ankaŭ aperis pk kun alpresita E-a teksto.

"Stampo-Ĉinologio"

Pro la abundo de novaj ĉinaj E-filatelaĵoj fariĝis komplika afero, redakti E-filatelan informilon. Malhelpas mankohava informado pri la novaĵoj. Jen kelkaj malbonaj ekzemploj: iu sendis senkomente memor-koverton kun E-a stampo de Hohoto, poste montriĝis, ke tiu stampo estas nepoŝta. Pri Turo-Teng-stampo ne venis informoj, nur pri la koverto. El Qingdao tute ne venis informo pri LA ESPERO stampo.

Feliĉe nia granda savanto estas: Ĉin Kajĝi, li multajn malglataĵojn glatigas. Sen liaj kompletigaj informoj ni senhelpe starus antaŭ ĉiu granda E-filatela monto ĉina. Li ankaŭ klarigis pri: KONFUCEO - KONFUZIO - KONZI.... Tri ideogramoj staras(is) por la nomo KON FU CE. En la ĉina tamen estis du malsamaj prononcoj por la ideogramo CE: Ce kaj Ci. La Hongfan-a vortaro kaj EPĈ skribas KONFUZIO. Sed okazis, ke nuntempe KON FU ZI estas ĝenerale nomata kaj skribata per la du ideogramoj KON ZI. Tiun mallongigon ni trovas ankaŭ sur la du pm kaj bloko pri Konfuzio, kiuj aperis 89 09. 28. La 8-fena pm montras bildon: "Instruado sur Abrikota Teraso", la 1,60 juana pm la bildon: "Vojaĝado en Diversaj Landoj". La 3-juana bloko montras portreton.

LA ESPERO (89-23)

89 10.05 oni elsendis la televidan filmon: LA ESPERO en Qingdao. Tial lokaj pm-kompanio kaj radio lige kun la E-klubo eldonis E-an memorkoverton kaj E-sta. Desegnis: Wei Bing, juna aktiva samideano. Eldonkvanto: 2-mil. Inf.: Kajĝi.

Filatela ekspo Cao (89-26+27)

Ambaŭ stampoj, laŭ Kajĝi, estas poŝtaj.

La Okcidenta Lago (89-28)

Nepoŝta

La Okcidenta Lago (89-29)

Jen stampo el Ninghai, desegnita de s-ano Chen Minggang. La sta montras tri templojn. 89 11. 25 aperis 4 pm kaj bloko pri la lago de Hangzhou, loko kun belegaj pitoreskaĵoj, kie jam feriis nia Kajĝi.

Mao (89-30)

Memore al "LA 50 JAROJ DE LA SUBSKRIBO DE PREZIDANTO MAO POR "YAN-AN ESP-ISTO" aperis 89 12. 09 en Changshu memoriga stampo kun portreto pri prezidento Mao. Desegnis: Zhang Linrui. Inf.: Kajĝi kaj Linrui.

Zamenhofnasko 89

Kelkajn tagojn antaŭ Kristnasko 89, 15an de decembro 1989, oni en Ĉinio multloke festis la 130-an datreveno de la naskiĝo de nia Majstro Zamenhof. Atingis min pluvo da stampoj el multaj urboj, plej ofte sen iuj klarigoj, sed danke al la helpo de nia savanto Ĉin Kajĝi eblas lumigi tiun kaoson:

-31 Pekino La 130-a DR de la naskiĝo de Z. Des.:Linrui
-32 Changsha sama Des.:Linrui

| | | |
|---|---|---|
| -33 Changsha | 130 jaroj de Z.(sen F) | Des.: ? |
| -34 Changshu | La 130 jaroj de la .. | Des.: Linrui |
| -35 Changzhou | sama teksto | Des.: Linrui |
| -35 Jiangmen | 130-a DR de la.... | Des.: Zhang Linrui |
| -37 Gansu | La 130a DR de ... | Des.: Sun Changsun |
| -38 Gansu | sama teksto | Des.: Sun Changsun |
| -39 Lhasa | La 130 jaroj de la.. | Des.: Zhang Linrui |
| -40 Maashan | sama teksto | Des.: Zhang Linrui |
| -41 Nanchang | 130-a DR de naskiĝo.. | Des.: Mao Hongzhen |
| -42 Ningbo | La 130-a DR de naskiĝtago.. | Des.: Bao Shujun |
| -43 Ninghai | la 130-a Zamenhofa Jubileo | Des.: Cheng Minggang |
| -44 Suzhou | La 130 jaroj de la... | Des.: Zhang Linrui |
| -45 Weihui | La 130-a Naskiĝa DR | Des.: Zhang Yuanqing |
| -46 Xinhui | 130-a DR de la | Des.: Xie Shaoxing |
| -47 Xinxiang | 130-jara naskiĝtago... | Des.: Wei Guohua |

Nepoŝtaj montriĝis stampoj el:

Hangzhou, Taiyuan, Zhengzhou

Ili posedas saman aspekton kiel 89-31.

## Ningbo-a E A (89-48)

La longjara samideano Bao Shujun, E-isto de pli ol 40 jaroj, desegnis tiun stampon okaze de "la 4-a Datreveno de Fondo de Ningbo-a Esperanto-Asocio". La sta aperis 89 12. 15.. La pm-kompanio de Ningbo eldonis memorkoverton. Tiu montras Z-portreton kaj preĝejon de Ningbo. Dorsflanke tekstoj en la ĉina kaj en E. La sta montras la emblemon de la loka EA: E-stelon kun tri ondolinioj. Tiuj simbolas la tri traurbajn riverojn: Yong-, Feng- kaj Yao-rivero. Inf.: Minglun, Kajĝi kaj ? el 315040.

## Gansu-a E A (89-49/50)

1989 en dec., 15an k 16an la Gansu-a EA havis sian 2an kongreson. Funkciis en urbo Lanzhou du stampiloj (49/50), kiujn grafikis Sun Changshun. 89-49 estas ronda kaj posedas E-stelon kun du simboligitaj manoj. 89-50 estas ovalforma kun supra E-flago. Senditaj kopioj estas tre palaj, ankaŭ tiu pri la sekva 89-51.

## E-ekspo Pei (89-51)

Samurbe kaj samtage funkciis tria stampilo okaze de ekspozicio. Bedaŭrinde la sendita kopio ne ebligis klarigi iujn detalojn en la stampo.Ankaŭ ĝin grafikis s-ro Sun Changsun. Dankon al Kajĝi pro la senditaj informoj kaj kopioj.

## Ĉevala Jaro (90-01-10)

La ĉina MPT eldonis 5an de jan. 1990 8-fenan pm por la Ĉevala Jaro. Lige kun tio aperis en 7 urboj poŝtaj memorstampoj E-aj.
Laŭ la ĉina tradicia luna kalendaro la unua de januaro tamen okazos en la 27an de januaro laŭ nia kalendaro.

En tiu tago aperis 2 sta en Jiangmen kaj unu en Xinhui. Tiuj tri posedas i.a. ideograman tekston: "La unua de januaro". Mi denove vicigos ilin laŭ ilia apero en alfabeta ordo. Tiuj numeroj ne estas identaj kun postaj katalogaj numeroj, ĉar kelkfoje aperas, iuj malnovaj nekonataj, aŭ iuj montriĝas nepoŝtaj. Kompreneble mi posedas jam nun katalogan numeran ordon, sed ĝi tutcerte ŝanĝiĝos tra la jaro, eĉ dum la preparo de tiu informilo trifoje mi devis ŝanĝi la ordon!

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 90-01 Changde | 90-01-05 | ov (sen urbonomo) | Des.: | ? |
| -02 Changshu | | ducirkla | Des.: | Zhang Linrui |
| -03 Jiangmen | | ĉevalkapa | Des.: | Xie Shaoxing |
| -04 Lhasa | | unucirkla | Des.: | Zhang Linrui |
| -05 Maanshan | | ducirkla | Des.: | Zhang Linrui |
| -06 Nanchang | | unucirkla | Des.: | Guo Ling |
| -07 Ninghai | | mezcirklo | Des.: | Chen Minggang |
| -08 Jiangmen | 90-01-27 | unucirkla | Des.: | Xie Shaoxing |
| -09 Jiangmen | | sencirkla | Des.: | Xie Shaoxing |
| -10 Xinhui | | unucirkla | Des.: | Xie Shaoxing |

## Nepoŝtaj Ĉevaljaraj

Jam du ni trovis: el urbo Hangzhou. Tiu posedas saman aspekton kiel 90-05 de Maashan, sed kun Ø de 37 mm. Dua ĝis nun konata nepoŝta venas el Weihui: ducirkla kun Ø de 40 mm, meze ideogramo por "ĉevalo" (tion klarigis al mi nia so gilsu en mia hejmo!). Mi esperas povi kopie montri ilin.

## Titolpaĝo LVL 79

La tie montritaj ĉinaj sta ricevis en la katalogo, suplemento 1990, la sekvajn numerojn: 91, 92, 94, 93/96, 98, 100, 102, 101/99, 103, 104, 105, 106/107, 97/108, 109. -en la suplemento 1990 forstreku 110. Pozicio 101 posedas duan pozicion: 101-1. Temas pri la dua Kunfucia sta de Nanchang (kun skribmaŝinlitera teksto), pri kiu mi une ne sciis, ĉu poŝta aŭ ne poŝta: pro mankohava informado.

## AF II-19

Esperanta afrankstampilo funkciis en la poŝtoficejo de la ĉeĥa urbeto Stražnice en la tempo: 19 02-16 03 1990. La tekstoparto montras la ciferon 20 kun E-stelo kaj literoj ĈES kaj LET. Krome: ESPERANTOSEKCE SĈSF: Klarigoj pri la signifo de la ĉeĥaj tekstoj ne venis. Iom strange, ke la afrankilon oni uzis por nuligi pm anstataŭ por afranki. Dankon al V. Hasala, kiu sendis la sta kun informoj. Aldone li informis, ke CS 21 funkciis 25-27.8. 1989.










AF II-19

| PO 59 (nova: 60) |

Nia Stefano Bielak trovis inter duoblaĵoj stampon kun la dato: 5. 10. 1967, kvankam oficialaj datoj estas: 9. - 15. 10. 1967. Li pruvis la trovaĵon per fotokopio., Dankon pro informo al li!

| Polaj dubaĵoj |

Hazarde mi renkontis en la suplemento 1990 por la katalogo 89 plurajn ŝanĝojn: Nia Hirsch deklaris PO 1 vi kaj PO 2 cve nepoŝtaj. Novaperis PO 5 vi, 37 ve, 40 vi, 48 bl, kvankam siatempe ni eltrovis, ke tiuj koloroj estis privata faritaj. Hirsch dubas pri PO 106 (malnova: 105!). Bv. legi LVL 24 p. 7, LVL 22, 23 p. 11. Post mallonge mi renkontiĝos kun nia amiko Hirsch kaj povas priparoli tiujn kaj eble ankaŭ aliajn problemojn.

| Nova BG 25 |

La poŝtoficejo de Sofia (BG) uzas novan ms kun la tp: 100 jarojn Esperanto-Movado en Bulgario (1889-1989), pliaj detaloj mankas. La informo venis de Hlebarov, dankon.




| Nova F 56 |

La poŝtoficejo Nice, Pl. Wilson, uzas de la 06 04 - 06 07 1990 maŝinvarbstampon por la "Internacia Esperanto-Semajno", kiu okazos de la 29 06 - 06 07 1990 en Nice. (El la "Deutsche Briefmarken-Revue", No. 3 (Germana Poŝtmark-Revuo")).

SEMAINE INTERNATIONALE D'ESPERANTO
NICE
29.06 - 06.07
* 1990 *



NICE PL. WILSON

# TUTAĴOJ - TUTAĴOJ

## Koverto Eroŝenko

En SU aperis 5-kopeka koverto kun portreto pri Eroŝenko kaj la teksta "Rusa sovjeta verkisto kaj klerigisto, Esperantisto V.J. Eroŝenko" en E kaj en la rusa. La poŝtoficialan eldonon iniciatis nia Vulfoviĉ. Li kontribuis ankaŭ per ideoj kaj materialoj al la grafikistino Sajceva. Dankon kaj gratulon al vi!

## E-pk GEDR 61

Poŝtkartoj (10 kaj 25 pf) kun maldekstrá surpresita Renn-saluto el Hispanio (1937 kaj teksto: LUDWIG RENN/la unua prezidanto de la Internacia Asocio de Revoluciaj/Espernato-Verkistoj/(IAREV 1929-1939), Lige kun la pk aperis ankaŭ E-sta kun portreto de Renn. Dankon al nia Beau, kiu iniciatis ĝin.

## Nova E-pk hungara

Nia Fekete informis, ke la 19an de majo 1990 en Hungario aperos nova pk-tutaĵo okaze de la 29a HEA-kongreso. Detaloj sekvos poste.

## Tutaj-pk el Koreio

Nur en feb 90 mi eksciis pri tiu private surpresita pk kun nominalo de 60 ĝonoj. La surpresaĵo montras en la verda la saman bildon kiel la ornama koverto el la "dua E-filatela ekspozicio", kiu okazis 1989, okt, 14-20 en Seulo (ludantaj infanoj). Dankon al nia kluba amiko so gilsu!

## Sennominala ĉina pk

Memore al la 130-a datreveno de la naskiĝo de L.L. Zamenhof nia Ĉin Kajĝi projektis tiun pk kaj en la nomo de la Pekina EA sukcesis oficialan eldonon per de la Okcidentpekina PTO. Adresflanke troviĝas ideograme kaj Esperante vortoj de Chu Tunan, fama ĉina E-isto: "130-a Datreveno de la naskiĝo de D-ro L.L. Zamenhof, la Kreinto de Esperanto". Dorsflanke koloraj kopioj pri ĉiuj Zamenhofaj pm. Tiun ĉi poŝtkarton oni lanĉis dum Zamenhofa solenaĵo en Pekino kun 400 partoprenintoj, inter ili Auld kaj Albault...Demandon al niaj specialistoj: ĉu temas pri "tutaĵo" aŭ ne? Eble "poŝta eldonaĵo"?

**Ludwig Renn**

1889 – 1979

Esperantisto

Komandanto de la Thälmann-Bataliono
Stabestro de la IX-a Internacia-Brigado
Prezidanto de la Internacia Asocio de Revoluciaj Esperanto-Verkistoj



# E-POŜTMARKOJ KAJ-MONEROJ - E-POŜTMARKOJ KAJ-MONEROJ

## La nova kuba E-pm

Modele kaj akurate okazis antaŭ ĝia apero informado pri la nova pm flanke de kubaj instancoj. Ministerio pri Komunikiĝo de la Kuba Respubliko disvastigis informilon n-ro 4E-90 en la tutan mondon, ankaŭ pere de KEA pri la kongresa E-pm. La pm posedas talonon kun la kongresa simbolo (afiŝo?). La pm. montras verdan stelon, Babelan Turon kaj pac-kolombon super terglobo. Nominalo: 30 centavoj. Apero: 7 marto 1990. Eldonkvanto: 1.451 120. Des.: Miguel Penate. UTK aperos kun aktualaj alegoriaj desegnaĵoj kaj speciala stampo.




## Kubaj kongresaj moneroj

En marto 1990 aperos en Kubo du moneroj okaze de la 75a UK kun nominalo de 1 kaj 5 pesoj. La 5-pesa estas el arĝento, pezas 16 gramojn kaj kostas 30 US-$. Prezoj estas fiksitaj en US-$, sed ne eblas pagi per US-$...absolute skizofreneza afero. Se vi povas, akiru ili dum la UK, aŭ pere de la Libroservo de UEA. Certe en revuo "esperanto" aperos detaloj. Dankon al nia Jankowski pro la informoj.

Oficiala informo el la "Dua Bulteno" de la 75a UK




*Numismatikajoj*




La kuba entrepreno pri monstampado eldonos du monerojn omaĝe al la 75-a UK en Havano. Unu el ili estas arĝenta (0,999) de la t.n. "semi-proof" kvalito, 16 gramojn peza, 38 mm de diametro. Valoro: 1 peso. Prezo 30 usonaj dolaroj (usd). La alia estas nikel-kupra, 30 mm de diametro, valoro 1 peso. Prezo 3 usd. Pagebla ankaŭ en valutoj DEM, GBP, CHF, CAD, NLG kaj JPY. Oni ne akceptas ĉekojn de aŭ al usonaj bankoj. Aldonu 2 usd (por Ameriko) aŭ 3 usd por aliaj mondopartoj por afranko. Pagoj per bankĝiroj iru al: Empresa Cubana de Acuñaciones, Banco Financiero Internacional, Havano, Kubo, konto: 402-01-909. Por mendoj de pli ol 50 ekzempleroj 20%-a rabato.

## Linrui proponis 6 E-pm

Por la Jubilea Jaro s-ano Zhang Linrui proponis al la ĉina MPT 6 diversajn desegnaĵojn. Tiujn mi trovis en LA VERDA LAMPIRO, kiun bonvolis sendi al mi Ĉin Kajĝi. Tamen: tiuj proponoj ne estis akceptitaj.

# NOVAJ KATALOGOJ

## Katalogo de polaj E-stampoj

En decembro 1989 mi donace de nia lech Kosieniak ricevis tiun katalogon. Ĝi aperis jam en 1988, redaktis ĝin Stanisław Czesnowicz. Tekste kaj bilde ĝi prezentas la 3 polajn E-pm kun UTK kaj faldkarto el la 44a UK. La aŭtoro diras pri ĝi "karneto"... Montras sin ankaŭ la 3 oficialaj tutaj-pk kaj vico da aliaj surpresitaj tutaĵoj. Al mi ŝajnas, ke ili ne estas komplete prezentitaj. Ni trovas ankaŭ la 3 polajn reko-markojn, sed mankas la variaĵo el la 23a UK. Eĉ la pakaj-markon li prezentis. La stampoparto posedas la tekston kaj numerojn de nia ELF-AREK-katalogo 1983 kun suplemento ĝis 1988. Plaĉas la kombinita tekst-kaj bildaranĝo. Hirsch antaŭ monatoj jam faris plendojn kaj komentojn al la aŭtoro, sed atendas ankoraŭ la respondon.

## E-aj medaloj kaj -moneroj

Decembre 1989 nia Hans Jankowski pretigis ilustritan katalogon pri E-aj medaloj kaj -moneroj. En ĝi oni trovas pli ol 30 E-ajn medalojn kaj -monerojn el 13 landoj. Sendube ili ne estas komplete montritaj, sed pri pli li ne scias. Eble iu povas kompletigi? Gratulon al nia Jankowski pro la farita laboro!

## Kataloga suplemento 90

Kiel promesite, nia amiko Hirsch komence de 1990 sendis la katalogan suplementon por la ELF-AREK-katalogo 1989. Pro granda amplekso la prezo estas iom pli alta ol antaŭvidite. Aperis ankaŭ dua eldono de tiu katalogo, kompletigita kaj korektita.

## Glumarka katalogo preta

Nia Hirsch intertempe pretigis la tria eldonon de la Jensen-katalogo pri glumarkoj (1907(?)-1971). Tiu dum multaj jaroj ne estis havebla. Hirsch novnumerigis la unuopajn poziciojn. Bedaŭrinde neniu el ni pretis daŭrigi la kompiladon. La katalogo kostas DM 14,-- =10 IRK plus sendokostoj.

## Nova E-pm katalogo

Nia kluba amiko Hirsch rapide plenumis sian promeson kaj nun sekvas la glumarkan katalogon nova katalogo pri Esperantaj-pm. Dum jardeko li kolektis informojn pri diversaj variaĵoj, kiujn li nun bilde kaj tekste prezentas al ni.
Estus necese por scii la eldonkvanton, ke vi bv. direkti vian mendon al nia Richard Hirsch baldaŭ. La katalogo kostas DM 18,-- aŭ 13 IRK plus afrankkostoj.

# LASTMINUTE...

## E-pm en Anglujo

Okaze de la Olimpikaj Ludoj 1948 la planita pm en E ne aperis. Inter la 12 proponitaj desegnaĵoj por la memora pm-serio ankaŭ troviĝis E-versio. Tiu ĉi desegnaĵo troviĝas ankoraŭ en la Nacia Poŝta Muzeo de Londono. Malkovris ĝin nia kluba amiko Hammerton. La pm posedas la tekston: OLIMPAJ LUDOJ sur pontarkon, mondmapon, la jaron: 1948 kaj 9 sportajn piktogramojn.




## Brazilaj tutaĵoj 1934/35 haveblaj

La german "laborgrupo Brazilio" ofertas el heredaĵo interalie ankaŭ tiujn serĉatajn tutaĵojn. Se vi havas intereson, bv. rekte skribu al:

ArGe Brasilien e.V.
Postfach 1329

5204 Lohmar 1

Vi ricevos de tie ofertliston.









# LASTMINUTE... RICEVITA




La germana margarin-fabriko RHEINPERLE eldonis (kiam ?)glumarkojn(kolektbildojn?) pri eltrovintoj. Inter ili ankaŭ bildo kun nia D-ro Zamenhof. Eĉ estas eraro en ĝi: la naskiĝjaro de Zamenhof je ne estas 1837, sed 1859.










Glumarkoj sen iuj indikoj. Kie kaj kiam ili aperis? kiu estas la iniciatoro.










Tiuj glumarkoj supozeble estas de nia hungara klubamiko Radnai, sed mankas la detaloj.




Glumarko okaze de la 130-a naskiĝdato de d-ro Zamenhof. Verŝajne ankaŭ iniciatita de Radnai.

Resume: Multaj glumarkoj aperas sur la E-merkato sen iuj indikoj de eldonjaro, de la lando kaj ankaŭ mankas la nomo de la iniciatoro.Ili scias la detalojn kaj kial ili ne sendas ilin kun provekzemplero al la redaktoro de LVL?

# E-ISTOJ EN LA FILATELIO - E-ISTOJ EN LA FILATELIO

## Alfred Fried - pacifisto

Pri li trovu informojn en LVL 77. La koncerna pm aperis 10 nov. 89 en Aŭstrio kun la nominalo de 6 ŝilingoj. Aperis UTK sen speciala UT-stampo. La bildon de la pm vi povas vidi en LVL 77. Tie prezentita dua bildo montras gazetbanderolon por la revuo "Espero Pacifista". Eldonis ĝin la societo "Pacifisto", en kiu membris Fried.

## Ŝamil Uzmanov - viktimo de la stalina teroro

La tatara verkisto naskiĝis 1898, lernis E-on 1929, estis membro de la CK de SEU de 1931 kaj gvidis la moskvan komitaton de SEU 1930 - 1932. En la jaro 1937 li estis mortigita en stalina koncentrejo pro sia esperantista agado. MPT de Sovetunio eldonis en aŭg 1988 memorigan tutaĵkoverton kun nominalo de 5 kopekoj. Tiu montras portreton de li. Restis viva lia filino. Dankon al nia Vulfoviĉ, kiu en novembro gastis kelkajn tagojn en mia hejmo kaj kiu informis pri Uzmanov.

## Vasil Eroŝenko - poeto

Vivis 1890 - 1952. Restadis helpe de E en multaj landoj. Partoprenis UK en Nürnberg 1923. Tie gajnis oratoran konkurson. Verkis en E kaj en la japana. Vizitis i.a. Ĉinion kaj tie renkontiĝis kun Lusin kaj Cai Yuanpei. Prelegis en Pekina Universitato pri rusa literaturo. Fama kaj tre aktiva blinda E-isto, kiu multon kontribuis al la alproksimiĝo de diverslandaj popoloj.
Fontoj: EdE p.122 kaj EPĈ. Filatelaĵo: Tutaĵkoverto SU 1989.

## Antonio Machado - poeto

Granda hispana poeto. Mortis en franca ekzilo 22 feb. 1939. Havis firmajn kontaktojn al francaj E-istoj. Mi ricevis abundan, sed franclingvan, materialon pri li. Mi ne scias, ĉu li mem estis E-isto. Pasintjare okazis en la franca urbo Colliure ekspozicio pri li; partoprenis per E-aj dokumentoj ankaŭ nia Amouroux. Ekzistas bildkartoj kaj ne-Esperantaj sta pri Machado. Dankon al nia Amouroux.

COULEURS ET LUMIÈRE DE FRANCE
La Côte Vermeille
66190 - COLLIOURE (Pyr.-Orient.)
Le grand poète et penseur,
ANTONIO MACHADO est né à Séville
en Espagne le 27 Juillet 1875.
Il meurt en exil à Collioure le
22 Février 1939.
10 66 0225



# GLUMARKOJ • GLUMARKOJ

*Katoj de la mondo/uzas miaŭojn, ronronojn/sed homoj bezonas interpretistojn./Esperanto nin liberigas/egalajn en facila amikeco...Jen la teksto de anglalingva glumarko de nia M. Boulton el la jaro 1989.

*11a MEM-Konferenco 1988 (sendis Radnai)*

*Deak Ferenc, saĝulo de patrio (sendis Radnai)*

*45a kongreso de SAT-Amikaro 1990. Folio kun 16 glm kostas 6 FF plus afranko, aŭ 3 IRK. Mendoj ĉe: Libro-servo de SAT-Amikaro, 67 av Gambetta, F-75020 Paris (Sciigis: A. Sadier).*

*EUR + ESPERANTO, de: ESPEUROP el B-1810 Wemmel (1989)*

*Sveda E-kongreso, 18-20 majo 1990 en Karlskoga (sendis A. Strönne, Malmö)*

*63-a SAT-kongreso, 1990 Linz (A)*

*75-a UK en Kubo*




Glumarko por la E-semajno en Nico (F).




Glumarko por la 75a UK




Glumarko por la IFEF-skisemajno en Campo Tures (I).

# NI-EN ALIAJ GAZETOJ

## Hirsch en ERINNOPHILIE

Nia Hirsch aperigis en la informilo 97 de la "Unuiĝo de kolektantoj de nepoŝtaj markoj" (FRG) ilustritan artikolon pri la humanisma agado de UEA dum la unua mondmilito.

## Amouroux en PHILATELIE FRANCAISE

Jam dum multaj jaroj tiu filatela ĵurnalo (luksa klaso!) posedas rubrikon pri E-filatelio el la plumo de nia Amouroux. Tiel ankaŭ en la jaro 1989 sesfoje kun abundo da plej interesaj kopioj pri historiaj bildkartoj, gazetoj, stampoj ktp.. Bedaŭrinde mi tute ne regas la francan, tiel perdiĝas sendube multaj informoj. Ĉar mi ne povas tiujn peri al vi. Sed: la rubriko ja celas al la francaj filatelistoj. Nepre ni direktu nian gratulon pro la bonega redaktado de tiu rubriko al nia kluba amiko Amouroux.
Hirsch aldonas: traleginte tiujn artikolojn oni kun granda bedaŭro devas konstati, ke per la aperado nur franclingve perdiĝas multaj valoraj informoj por la E-filalistoj. Rekomendo: La artikoloj devas ankaŭ aperi Esperantlingve.

---


Redaktado: Rudolf Burmeister, W.-Firl-Str.30, DDR-9047 Karl-Marx-Stadt
Kompilado kaj presado: Richard Hirsch, Lambertstr. 12,